FONDITA en 1908 - TRIA SERIO

30-a Jaro N° 208 - MAJO 1962

# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

# FRANCA ESPERANTISTO

34, Rue de Chabrol. Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.

## EKPAROLAS · LA · ETRUSKOJ

La Etruskoj rompas sian dumiljaran silenton. Iliaj multaj surskriboj daŭ re enigmis despli ĉikantikle kela lega do prezentis nenian malfacilaĵon konsidere la analogecon de ilia alfabeto kun la greka. Oni do legis ĉi tiujn tekstojn, plejparte mallongajn, jen gravuritajn sur la femuro aŭ inter la skapoloj de bronza diaĵo, jen enigitajn en kolorgajan freskon ekzemple festenbildan. Sed kompreni oni povis nur la nomojn de l'dioj aŭ mortintoj, aŭ donacintoj,kaj ankaŭ kelkajn kutimajn terminojn de l' epitafoj: clan (filo), sek (filino), ril (aĝo),avil (jaro)...

Ĉi tiuj vortoj ŝajnis de bizara stampeco. Kelkaj aliaj etruskaj terminoj konservataj de la romaj aŭ aleksandriaj aŭtoroj: aĭs (dio), drouna (potenco), gigarum (beto), la nomoj de certaj etruskaj monatoj, k.s. alportis tamen nenian klarecon. Sed jam la Antikvuloj starigis al si la demandon: al kio similas la etruska lingvo kaj fojfoje ili opiniis ke ĝi estas unika en sia speco. Ili ĉetere atribuis al la Etruskoj unu anatolian originon.

Tio tamen estis la lingvo de iliaj iamaj mastroj, kion la Romanoj tiel bone forgesis. La historio de tia vilaĝo, kia estis Romo, komenciĝas per ties submetiĝo al la Etruskoj en la VI-a jarcento a. K. La novalvenintoj tie enfiksas la unuajn ĝermojn de urba vivo, organizas la kultejojn kaj armeon, kaj transformas tiujn"subevoluintoj" en ŝtatanojn. La roma nobelaro eksendas siajn infanojn en la brilajn etruskajn civitojn por lerni tie la lingvon de siaj potencaj najbaroj.

### Unu nedeĉifrebla lingvo?

En nia epoko la scienculoj eĉ ne kapablis decidi ĉu tiu ĉi lingvo apartenas aŭ ne al la lingva familio hind

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

**SECRETARIAT : Mlle Y. PAULIER** - Le secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h à 12h et de 14 h à 18 h.( sauf dimanches et mardis ). Pour toute réponse, joindre un timbre ou une enveloppe timbrée à votre adresse. Pour tout envoi d'argent précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.

**REDACTION : M. Pierre PETIT** UEF 34 rue de Chabrol - PARIS ( 10 ème ) . Téléphone : PRO. 55-03

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge pour faciliter la lecture et la correction ( double interligne ). **Tous les articles ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

**COTISATIONS** : Le détail en a paru dans le précédent numéro.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

eùropa. Ĉar neniu malnova aù moderna lingvo ŝajnis kunhelpi al la klarigado de l'etruska, oni rezigne rigardis ĝin kiel nedeĉifreblan. Oni supozis, ke la etruska estas la produkto de aparta cirkonstancaro: ke ĝi estis formiĝinta en Italujo en la tempo, kiam ankoraù tie restis la prahistoria substrato; ke tiaj kondiĉoj ne ripetiĝas aliloke, jen kio donas nenian eblecon trovi unu similaĵon al tia arkaika lingvo.

Oni evidente ne povis pruvi la ekzaktecon de ĉi tiuj pesimismaj konjektoj. Koncerne min, mi ne sukcesis kredi je la vaneco de ia ajn nova esploro. Estas vero, ke dum longaj jaroj, kiam mi provis familiariĝi kun la etruskaj tekstoj, mi ne ektrovis la plej etan spuron al la sekvota vojo (escepte eble pri du aù tri izolitaj vortoj, kiuj revokis la slavan lingvon: zivas (vivo), subulo: (flutisto); kio ŝajnis al mi tiel mirkonsterna kiel nebula!

Ĉi tiu konfuza sento alprenis tamen iomete da zorgemo kaj urĝo, kiam en 1956 ĉe hazardo de esploro mi ekinterisiĝis pri lingvo de mi nekonata: la albana. Mi tiam retrovis unu "slavan inkrustaĵon" iel similan al la etruska. Nu mi jam sciis, ke tiuj radikoj povas deveni de malnova epoko, ĉar ilin oni same malkaŝas en la lingvo de l'Hititoj, popolo de l'antikveco, de hindeùropa origino enloĝinta kie, hodiaù estas Turkujo.

Provi komparadon inter ĉiuj du lingvoj, la etruska kaj la albana - tio estis mia unua paŝo antaùen. Des pli ke la Albanoj, ŝajnas kiel idaro de l'antikvaj Ilirianoj, devenintaj el la Centra Eùropo. Nu estas pruvita fakto, ke certaj iliriaj popoloj (Venetoj kaj Mesapianoj) loĝis en Italujo apud la Etruskoj kaj kun tiuj ĉi interrilatadis. La irilia-lingvo estis malmulte konata. Oni bedaùris la mankon de dulingvaj tekstoj iliria-latinaj. Ili tamen ekzistis, kvankam malmultenombraj. Kaj tio ĉi ebligos al mi ilustri mian metodon per konkreta ekzemplo:

Unu ŝlosil-lingvo:

Iu aùstra filologo, JOKL, estis antaù kvardeko da jaroj, studinta unu etan lingvan surskribon de Ilirio, kaj pruvinta, ke la latina vorto negotiator (komercisto) tie respondis al la iliria tergitio (de kio Tergeste (Triesto). La aùtoro menciis ĉi

okaze la albanan treg kaj tregiste (vendejo) kaj prave konkludis la parencecon de l'iliria kaj albana. Nu-treg estis en la etruska unu el tiuj elementoj "slavaspektaj" kiun oni povis kompari kun la torg kaj targ rusa kaj pola, sciante ja, ke ne povis temi pri elprunto el la Slavoj, ĉar tiuj ĉi en la Okcidenta Eŭropo aperas nur en la VI-a jarcento de nia erao.



La Katenoj de Junono rompitaj

Scenaĵo gravurita surdorse de etruska spegulo. La vortoj skribitaj de dekstre maldekstren identigas la rolulojn: Tretu, (la rompanto), Uni, (Junono), Sethlans, (Vulkano)

Tiel la kontribuaĵo de JOKL eblig-is al mi unu novan paŝon antaŭen. Mi elektis iun etruskan surskribon gravuritan sur kvadrata ŝtono el Volterra": mi mal tarcste. Mi de longe estis konata kiel ekvivalento de "tio ĉi Mal, tiel ja en la historia tradicio iliria same kiel en la albana lingvo, signifas "monto, monteto". Tarcste ne estas alio ol targiste, ĉar la Etruskoj ne havis la literon "g"(nek cetere "b" aŭ "d") kaj skribe ili ofte formetis la vokalojn. La surskribon oni povis do legi: "tio ĉi estas la monteto de l'vendejo". Tiel la etruska, la iliria kaj la albana (saturita de iliriaj rememoraĵoj) kunhelpis unu la alian.

Ĉar la albana fariĝis ŝlosillingvo mi povis deĉifri iom post iom multon da vortoj kies senco estis konfirmita de la historia tradicio, aŭ de la objekto mem, sur kiu vorto troviĝis surskribita.

Tiel, ekzemple, cemnac, unu el la epitetoj de l'etruska tondro-dio Tinia, estas klarigebla per la albana radiko: gemn (tondri) ĉar la finaĵo ac estas nur sufikso komuna al la albana kaj la etruska lingvoj. (bildo 1)

Same oni povas kompreni la vorton "svular": (revelacianto).



Bildo 1 - La flugila fulmo (simbolo de Tinia(Jupitero)

etruska alnomo de APOLONO, dio de antaŭsigno, dank'al la albana radiko zbul (revelacii). Mi eksciis ankaŭ kial etruska nobelo estis nomita en sia epitafo parnikh aŭ parnik. Ĝi estas la albana paranik (praulo, unua). Ĉe la etruskoj ĝi certe estis patricio.

Unu surskribo sur pokalo klariĝis vervoplena: "pi pere snati" (trinku por daŭri) "por longe vivi" (albane : pi = trinki; për = por; znjatem : sin plidaŭrigi)".

Bildo 2 - Etruska kuglo alsendita per ĵetilo La surskribo de dekstre maldekstren estas: STREVC (VC =UJK

Fine sur etruska ĵetaĵo longforma, ŝtono, mi legis ĉi tiun edifan formulon: stre-uk, t. e. "streĉiĝu, impetu, kiel lupo (albana: shrij = streĉiĝi, plilongiĝi; ujk = lupo (bildo n°2.

Ĉi tiuj surskriboj tre ofte komprenigas la spontanecon kaj la vivĝojon de tiu vigla popolo, kiu amis la ludojn, dancon kaj muzikon. Sed tiuj kelkaj specimenoj de la deĉifrado ne devas kaŝi la malfacilaĵojn kiuj konstante estas superendaj de tiu, kiu studas la etruskajn vortojn stumpigitajn kaj mallongigitajn, fonetike transskribitajn, kaj fojfoje aglutinitajn en unu solan linion. Ili similas unuavide nek al la albana, nek al alia lingvo. Ĉi tiuj apartecoj ja nebuligis la spurojn kaj malhelpis la filologojn ekkoni la gravecon de la albana, lingvo tamen konata, por la deĉifralaboro de la etruska.

El "Informoj de UNESKO"

---

tradukis J. T.

---

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## A N O N C O J

Israela Vegetarano deziras kontakti kun francaj vegetaranoj pretaj kunlabori je fundo de internacia vegetara kolonio, kie la oficiala lingvo estu Esperanto, ĉu en Israelo, ĉu en alia lando. Koresponda lingvo: esperanto - Adreso: J. DORN - Vegetara Kolonio- "AMIRIM", MEROM, HA'GALIL (Israelo).

DAVID J. M. JENKINS, Apt 62 76 Eglinron Avenue, East, TORONTO (Kanado) diplomita kontisto, deziras korespondi pri lingvoj, religioj, mondaferoj ktp

## N A S K I Ĝ O

Ni havas la feliĉon sciigi vin pri la naskiĝo de MICHEL, en Zagreb, filo de Gesinjoroj Roger IMBERT, Koreniĉka 11, ZAGREB V - Jugoslavio.

Bonvenon al tiu nova denaska esperantisto "kbankam li ne jam flue parolas".

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

## KIE TRAPASI VIAJN FERIOJN?

### PRIMOSTEN VOKAS VIN

Pasintan jaron komencis funkcii Internacia Esperantista Somerujo-kampadejo en Primoŝten ĉe bordo de la la zura adriatika maro (Jugoslavio).

En la kampadejo oni trovas ĉion bezonan. La tendoj similas al etaj dometoj intimaj.

Ekster la somera sezono kiu daŭras de 15-a de junio ĝi 15-a de septembro, la vizitantoj ricevas specialan rabaton rilate la normalan pensionoprezon.

Primoŝten estas atingebla ĉiutage per loka ŝipo trafikanta de havenurbo ŜIBENIK al duoninsuleto Primoŝten.

Ĉiuj interisontoj estas petataj, sendi la alvenanoncojn (aŭ demandojn por informoj) al: INTERNACIA ESPERANTO KAMPADEJO, Primoŝten ĉe ŜIBENIK (Jugoslavio) kun indiko de tempo de alveno kaj restado.

47 - a
Universala
Kongreso de
Esperanto

KOPENHAGO
4-11 Aùg.1962

El Oficialaj Komunikoj:

Nova Konstanta Adreso: Pro la translokiĝo de la Centra Oficejo de U. E. A. la nova konstanta adreso de la 47-a Universala Kongreso estas: Nieuwe Binnenweg 176 - ROTTERDAM 2 (Nederlando)

TEJO KONGRESO okazos de la 11a ĝis la 18-a de aùgusto 1962 en YSTAD (Sved.) Informoj kaj aliĝiloj: S-ro Nils Erik KRISTOFERSON, Zederlundsgatan 11 B en Motala (Svedujo).

Adoptaj Gepatroj estas tiuj, kiuj por helpi al esperantistaj infanoj el landoj malproksimaj pagas kotizon de 30 ned.gld (42 NF). La ricevotaj sumoj, estas utiligotaj nur por pagi veturadon kaj restadon al tiuj infanoj.

Scienca Konferenco: La partoprenontoj al la "Unua Internacia Konferenco pri la Lingva Problemo en la Scienco" estas petataj sin anonci kiel eble plej frue al la Prezidanto de la Organiza-Komitato, D-ro P.NEERGAARD, Gotersg.-158 - KØBENHAVN K. (Danlando)

Statistiko: Fine de februaro aliĝis: 798 personoj el 34 landoj. Inter ili estas 76 francoj.

G. G. POMPILIO
K. K. S.

x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x

ESPERANTO ŜILDETO

Ni povas proponi al vi ŝildeton: formato: 11 cm/3,5 cm; presita sur blanka kartono kun la teksto ESPERANTO ESTAS PAROLATA; ĝi povas esti uzata sur la butikfenestroj aù pordoj.

La prezo estas por 10 ekz.: 1 N.F. kaj por 25 ekz.: 2 N.F.

54-ème CONGRES NATIONAL DE L'UNION FRANCAISE POUR L' ESPERANTO

Suivant le programme paru dans noter précédent numéro, le 54-ème Congrès National s'est déroulé à BAUGE et au Château de GRESILLON du 21 au 22 avril 1962.

Lors de la seance de samedi de l' Assemblée Générale extraordinaire les nouveaux Statuts et Règlement Intérieur ont été adoptés, après discussion du rapport de Mr THIERRY.

Le dimanche matin la première partie de l' ordre du jour du Congrès s' est déroulée dans la salle du Théâtre de l'Hôtel-de-Ville de Baugé (points 1 à 7), suivie d'un Vin d'honneur organisé par la Municipalité dans la grande salle de cet édifice et en présence de nombreuses personnalités: Mr le Maire-adjoint, le Député de la circonscription et le Représentant régional de "Jeunesse et Sports".

La seconde partie de l' ordre du jour (points 8 à 14) a eu lieu dans le Château de Grésillon après le (traditionnel) banquet. Ce changement de lieu a permis la préparation du programme du spectacle présenté le même soir dans le théâtre de Baugé.

De bonne heure, le lundi 23 avril, les Congressistes partaient, accompagnés du soleil, pour l'excursion dont Mme CHEVERRY avait assumé l'organisation et suivant l' itinéraire touristique, historique et gastronomique qu'elle avait choisi.

Tous les participants conserveront un souvenir agréable de ce Congrè auquel Mesdames et Messieurs MICARD & BABIN ont apporté, dans l' organisation matérielle, leur habituel et bien connu dévouement.

oooOooo

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

POLOGNE
=======

Le 4 avril dernier, trois ans ont passé depuis la première émission en Espéranto de Radio-Varsovie. Cela représente 550 heures d'émission.

Le but de ces émissions est d'une part de renseigner sur la Pologne et d'autre part d'informer sur la langue internationale et le mouvement Espéranto dans le pays natal du Docteur ZAMENHOF.

Ce programme peut être écouté dans toute l'EUROPE, l'AFRIQUE DU NORD et aussi dans le PROCHE ORIENT.

Les échos en sont suffisamment satisfaisants; la rédaction a un contact permanent avec plus de 1200 correspondants.

ANGLETERRE
==========

A la suite de la parution de notre compte-rendu de la brochure sur William PENN, la "Kvakera Esperantista Societo" nous prie de faire connaître son adresse: "5 Cotham Park North - BRISTOL/6 - ANGLUJO.

TCHECOSLOVAQUIE
===============

Philatélie: A l' occasion de la Première exposition de timbres-poste PRAGA I962, organisée par la Fédération philatélique tchécoslovaque et le Ministère des Transports et Communications, sous le patronage de la Fédération Internationale de Philatélie, une série de 11 timbres de propagande a été émise de 18 décembre I96I

Chacun de ces timbres a une légende bilingue; celle du 2 couronnes qui représente le nouveau haut - fourneau de Gottwald (en noir et orangé) est en espéranto: "Tutmonda ekspozicio de Poŝtmarkoj".

# VIVA DE LA GRUPOJ

LYON
=======

La 7-an de marto akozis la amika festo de la grupo, kiu donis profiton al ties kaso. La programo de tiu festo aspektinta kontentiga ĝi povos inspiri tiun de la proksima.

La ĝenerala kunveno de la 18-a de marto montris la regulan vivon de nia societo; 2 kunvenoj ĉiumonate, ĉeesto de multaj el niaj membroj en la diversaj esperantistaj aranĝoj: federacia kongreso, universala kongreso, infankongreseto, restadoj en Baugé, Vallon Pont-d'Arc, Vienne, ktp...

LIMOGES
============

En Teknika Liceo (Ecole Nationale-Professionnelle), esperanta k u r so ĵus komenciĝis. 64 junuloj (I4-21 jaraĝaj) deziras korespondi antaŭ la someraj ferioj kaj interŝanĝi p.k.-p.m. b.k., filatelajn afrankojn, alumetetiketojn, k.t.p....

Bonvolu gratuli la lernejestron kaj sendi al la kursgvidanto: S-ro REMON, Esperanto-profesoro, E. N. P. LIMOGES (H.V.) korespond-petojn.

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox

EUROPA FERIO SEMAJNO
====================

estos organizita de la Svisa Asocio de Esperantistaj Fervojistoj - de la 2/9 ĝis la 8/9-1962 en la nova popolkleriga hejmo OBERBALMBERG (I024 m.)

Aliĝo: antaŭ la 31-V11-1962 - Prezo: I20 svisaj frankoj entenante: restadon, 4 tuttagajn ekskursojn, tagmanĝojn (dormejo komuna). Kroma pago de 2 SF aŭ 4 SF potage ebligas dormadon en 4 aŭ 1-2 litaj ĉambroj. Lokoj vizitotaj: Solothurn, Bern, Burgdorf, kaj Weissensteim.

Petu informojn ĉe: Hans HUNKELER - poŝtfako 417 - AARAU (Svislando).

# ANTAŬ-KONGRESO 1962

HELSINGOR invitas vin por ĉe-esti la Internaciajn Kursojn Feriajn konatajn en la tuta Esperanto-mondo, ĉar ili funkcias jam dum pli ol 25 jaroj.

Tie vi havos bonan okazon por akiri konversacian ekzercon kaj internacian amikecon kun multaj diverslandaj gesamideanoj.

La hejmo de la kursoj estas la Internacia Altlernejo, kiun ĉirkaŭas granda parko.

Nur antaŭtagmeze okazos la instruado en jenaj kursoj:

a) Daŭriga kurso (Gvid.: Sögard Hansen) por tiuj, kiuj jam lernis la lingvon en elementa kurso

b) Konversacia Kurso (Gvid.:Ida Christensen) por tiuj kiuj deziras parolekzercon

c) Rapidkurso laŭ Cseh-metodo por komencantoj (Gvid.: T.Morariu)

d) Prepara Kurso por Cseh-metodaj instruistoj (Gvid.:T.Morariu)

e) Infankurso estos aranĝita se aliĝos sufiĉe da infanoj.

La malferma kunveno okazos la 29/7 je la 20 H. Oni alvenu posttagmeze en tiu tago. La 4/8 ni foriros antaŭtagmeze.

Se vi estas interesataj ne prokrastu vian aliĝon, sed sendu ĝin baldaŭ (kaj antaŭ la I-a de julio 1962 al:

(Sinjoro L. FRIIS
(
(Ingemannsvej 9
(
(AABYHØJ ( Danlando )

xoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxoxox



# La PARIZA FOIRO

de la 19-a ĝis la 31-a de Majo 1962 prezentos sian ĉiujaran manifestacion de la Tutmonda Komerco, kiun vizitos 300.000 eksterlandanoj inter la 3 milionoj da vizitantoj, kiujn ĝi akceptas ĉiujare.

De jaro al jaro, tiu Foiro iĝas pli kaj pli aro da specialigitaj ekspozicioj, oferante al profesiuloj la plej grandajn facilecojn.

La tekniko havas tie la unuan lokon en ĉiuj kampoj; samtempe, tamen, la virinoj trovos en la Foiro multajn budojn allogaj por ili.

La nutrad-amantoj, turistoj, kampadistoj, foto- kaj kinoamatoroj trovos ankaŭ multajn novaĵojn en la koncernaj budoj.

Kaj NEPRE vizitu ankaŭ la nian (3070) en la Pres-Halo.

# ESPERANTO en la FRANCAJ LERNEJOJ

LERNJARO: I96I - I962

Aldono al la Statistiko aperinta en la februaro numero de R.F.E.
Informoj ricevitaj post la 1-a de Januaro I962

- o - o - o -

Elementaj Lernejoj
Fougères (1,10)
Ecole privée Le Prieuré
La Houssaye en Brie (1,10)

Mezlernejoj (C.E.G. - C.E.T.)
Arras (1,3) - Grenoble (1,30)
Nevers (1,36) - Saint-André-de-Cubzac (2,40)

Liceoj Klasikaj kaj Teknikaj
Clermont-Fd (2,38) - Laon (2,13)
Nîmes (1,7) - Vichy (1,15)

Instruist(in)aj Seminarioj
Arras ENG (2,31)
Marseille EN/Annexe (3,70)
Por Aix-en-Provence, bonvolu legi:
ENG (1;36) - ENF (1,36)

Laù tiuj lastaj informoj, jen kiel statas nun la statistiko por I96I-I962:

| | Lernejoj | Kursoj | Gelernantoj |
|---|---|---|---|
| Elementaj Lernejoj | 8 | I0 | I02 |
| Mezlernejoj | I8 | 29 | 520 |
| Specialaj Lernejoj | 6 | 9 | 96 |
| Liceoj | I6 | 22 | 297 |
| Instruist(in)aj Seminarioj | I0 | I6 | 345 |
| entute | 58 | 86 | I 360 |

La elmontro de la kuraĝiga statistiko ĉi-jara jam helpis al malfermo de novaj kursoj. Ju pli kompleta kaj fidinda, des pli efikos nia tabelo.

Pri novaj kursoj kaj rezultoj, bonvolu informi la Delegiton por statistiko de la Lerneja Komisiono:

S-ro Roger BLANC
Esperanto-instruisto
SANCOINS (Cher)

# RECENZOJ

DE ORIENTO AL OKCIDENTO
======================

Adoptinte nian lingvon, la japande vena religia movado OOMOTO estas jam konata de la esperanta publiko per ĉiumonata revuo kaj diversaj eldonaĵoj. La lasta de ĝi eldonita broŝuro prezentas resumon de ĝia doktrino (1)

OOMOTO (kion signifas tiu vorto, tio bedaùrinde ne estas klarigita)estas religio, kiu naskiĝis en la fino de la XIX-a jarcento; ĝi havas sian profeton, ONISABRO DEGUĈI, kiu verkis inspirite biblion, en 81 volumoj sub formo de dramoj.

Sed ĝi ankaù pretendas esti kvazaù super-religio aù sintezo de la ekzistantaj religioj. Tiu emo al sinkretismo estas tipe orienta. Super la bazaj ideoj: ekzisto de unusola Dio, amanta la Homojn, kredo al transtomba vivo - konstruiĝas sistemo, kiu klopodas enhavi ĉiujn fenomenojn de la materia kaj de la spirita vivo: akcepto de la spiritismo de SVEDENBORG, panteismo (la spirito estas ne nur en homo, sed ankaù en bestoj, kreskaĵoj kaj rokoj) konkordismo inter religio kaj scienco kunlaboro de la diversaj religioj (ideo, kiu fontas el Tadismo, kaj kiun oni retrovas en la Hilelismo de Zamenhof) fine apliko de religio al politiko, ekonomio, arto, ktp....)

Kvankam la premisoj similas tiujn de Kristanismo, la konkludo ĝin kontraùas: OOMOTO ja celas starigon de Cielregno sur la Tero.

La leganto meditos tiun ĉi ideon: "Tio, kion la Homaro aspiras, estas la fondo de la vera mondkulturo surbaze de la moralo de Azio kaj la scienco de Eùropo", kiu memorigas la ideojn de la rusa filozofo V.SOLOVJOV.

o

o o

En la 1-3 numero de 1960 de LA SUDA STELO-PROMETEO" - mi bedamrinde ne havas sub la mano pli freŝdatan numeron de tiu interesa revuo - D. KRAJL kritikas en "Ĉu silka aù fuŝa vojo?", la ideojn de Tibor SEKELJ pri disvastigo de Esperanto en la afrikaj kaj aziaj landoj. Li faras tre ĝustajn rimarkojn pri la kadukeco de la metodoj en la eùropa Esperanto-movado.

Estus evidente katastrofe eksporti la eùropan "societismon" (ĉefe tia, kia ĝi estas praktikata en la okcidenteùropaj landoj, kun sia ĉevaleta hobia karaktero) en Hindujon aù Kamerunon.

Sed la solvo proponita de D. KRAJL nome "diplomataj" paŝoj de U.E.A. ĉe la koncernaj registaroj, estas ĝuste la "eùropa malsano" kiu tiom bremsis la Movadon ĉe ni.

Ĉar estas utopie pensi, ke iu ajn registaro propravole enkondukos Esperanton. Despli, se temas pri landoj kiuj "klopodas ankoraù firmigi sian naciecon.

Kiu do povas adopti Esperanton? La homoj, kiuj estas sufiĉe maturaj por havi tutmondecan konscion, do pli maturaj ol la politikaj gvidantoj. Tio valoras kaj en Okcidento kaj en Oriento.

Kiamaniere tiuj homoj agados? "Ili mem trovu la formon en la kadro de siaj bezonoj" diras prave KRAJL. Malprave nur, ke li parolas ne pri homoj sed pri "landoj". Kaj tio ŝanĝas la tutan aferon.

o

o o

Cetere mi deziras akcenti la intereson, kiun prezentas LA SUDA STELO, kies enhavo iras de la japana poezio al la socia vivo de Usono. En la dirita numero menciindas ankaù traduko de la harstariga poemo de Ivan GORAN KOVAĈIC, KAVO, kaj la versaĵo de Clelia Guglielminetti, MARTO I945. Kiel

bonaj iniciatoj de tiu revuo, ni menciu la gazetaran bibliografion, kaj la portretojn de esperantaj verkistoj

La SUDA STELO bone rolas kiel ponto inter ORIENTO kaj OKCIDENTO.

Michel DUC-GONINAZ

(1) DEK GVIDPRINCIPOJ DE LA OOMOTO - MOVADO kun la komentoj de Jasuo-Sakurai - 24 paĝoj - Eld. OOMOTO-Centra-Oficejo 1960 - Prezo: 1,50 NF.

x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x

La LIBRAIRIE DES EDITIONS NOVA a édité une série de CINQ livres d'étude et d'enseignement:

1) MANUEL D'INITIATION A L'ESPERANTO: de Bernard Thaillet - textes gradués avec prononciation figurée et exercices systématiques - ouvrage de base pour débutants. Prix: 1,50 NF

2) MANUEL D' ETUDE DE L'ESPERANTO, de Jean Couteaux - 18 leçons - textes explicatifs détaillés - vocabulaires groupés par matières. Prix: 4,50 NF

3) MANUEL DE PERFECTIONNEMENT de Jean Couteaux - textes synthétiques avec traduction juxtaposée - 21 chapitres - Prix: 3,45 NF

4) LEXIQUE FONDAMENTAL ESPERANTO FRANCAIS de R. Léger - pratique, sous sa forme judicieuse contient les racines des mots figurant au "Plena Vortaro" de Esperanto". Prix: 5.40 NF

5) ESPERANTO - LA LINGVO INTERNACIA - facile pour "vous" de Carl Walter? Manuel d' étude de la langue internationale par la méthode directe - I30 dessins amusants de P. Thienhaus - Prix: 5.70 NF

Tous ces livres peuvent être fournis par notre SERVICE DE LIBRAIRIE.

## E R A T U M O

Ni ricevis de S-ro DUC-GONINAZ, la sekvantan leteron:

"Mi deziras atentigi viajn legantojn pri la fakto ke diversaj preseraroj enŝoviĝis en la februaran numeron de R.F.E. Du eraroj en la recenzo pri la Eta Princo povas kaŭzi miskomprenon kaj postulas korektadon.

"En la lasta paragrafo de la paĝo 25, unu linio mankas. Oni do legu: "Li neniam deflankiĝas de la originalo kaj uzas ĉiujn eblojn de nia lingvo por doni la nuancojn. Se kelkfoje li kulpas pezaĵon (pluraj kunmetitaj verboformoj estas nenecesaj, ĉefe kun la us-modo) tio estas el troa fidelemo."

"Fine de la unua paragrafo de la paĝo 26, oni legu: "en tia libro, la forigo de neologismoj estas grava punkto", anstataŭ: "en ia libro.." Mi ja volis diri ke la uzo de neologismoj devas esti plej minimuma en libro destinita al infanoj. Sed, en la literaturo por plenkreskuloj, mi ne opinias la neologismojn kondamnindaj".

M.D.G.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## BILDLIBRO PRI BESTOJ (Daily-Mail)

Esperantigis W.A.GETHING kun helpo de C.D.A.CAPP kaj M.C.BUTLER (Eldonis la "Daily-Mail" - Associated Newspapers-Londono 1961) - Prezo: 11 NF

"Daily-Mail" la fama brita gazeto, eldonis mirindan libron por la infanoj: "Bildlibro pri Bestoj". Ĝis nun nia libraro neniam posedis tian libron! Pensu do, ĝi similas al tiuj grandaj multkoloraj libroj, kiujn la saĝaj infanoj ricevas dum la kristnaska nokto.

Unue, ĝia formato estas nekutima; ĝi certe estas la plej granda libro esperante eldonita. Due, sur ĉiu paĝo la bestoj estas reprezentataj, ne per fotoj, sed per tre belaj artaj pentra

ĵoj. Tiuj belaspektaj ilustraĵoj havigos veran plezuron al sciavidaj infanoj kaj delikatan ĝuon al artamantaj plenaĝuloj.

Per mallongaj komentoj, la aŭtoroj karakterizas ĉiun animalon kaj klarigas ĝian vivmanieron. Por la lernemaj esperantistoj ĝi utilos kiel ilustrita vortaro por ekkoni multajn bestojn kiuj ne troviĝas en ordinara vortaro.

Tamen kelkaj nomoj ne estas korekte skribitaj. Ekzemple: Bisono anstataŭ bizono - Noktolo (france: noctuelle) anstataŭ noktuo - Hemetopo (huitrier-pie) anstataŭ hematopo - Galinolo (poule d'eau) anstataŭ Galinulo- Fasano anstataŭ fazano - Motacelo anstataŭ motacilo (bergeronnette), kaj pli grava eraro: Rosmareno (romarin) anstataŭ rosmaro (morse).

Malgraŭ tiuj malkorektaĵoj tiu libro certe lokiĝos en la biblioteko de ĉiuj esperantistoj. Mi opinias ankaŭ, ke ĝi devas esti montrata en niaj ekspozicioj; ĝi estos tre bona propagandilo. Tial ni danku la britajn eldonistojn, kiuj per tiu belega bildlibro pruvis sian fidon en la internacia lingvo.

F. LEGREE

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Le PRIX DE LA LIGUE NATIONALE CONTRE LE CANCER a été décerné, le 25 février dernier au Docteur THERET, à Biarritz.

Le docteur THERET chargé de chaire Chef de laboratoire à l'hôpital Saint Antoine, a reçu cette récompense des mains du Dr Courtial, directeur de l'Institut du Radium, grâce à ses travaux sur l'étude cytologique des états précancéreux, notamment. L'ensemble de ses travaux a été couronné par l'Académie de Médecine (Prix Portal).

Ajoutons que le decteur C. THERET est le fil de notre ami Mr E. Théret, membre du groupe de Paris.

# Chez les Jeunes

## "CLUBS D'ESPERANTO"

On sait que, sur une idée d'André RIBOT, notre président M. René LLECH-WALTER a mis au point l'organisation en France de "Clubs d'Espéranto" dans les établissements d'enseignement.

En 1960-1961 c'est le Club d'Espéranto de l'Ecole normale de Perpignan qui se classait en tête pour les examens. En 1961-1962, c' est le Club d' Espéranto du Lycée de Montpellier (professeur responsable Mme Laurenti) qui recevra le bel ouvrage "RETORIKO" du professeur Lapenna.

Ces deux clubs bénéficient d'abonnements à la Revue Française d'Espéranto" le nombre des membres étant supérieur à vingt.

Le Bureau du Club Espéranto de Montpellier a été désigné pour l' année I96I/I962: en voici la composition:

| | |
|---|---|
| Présidente: | BLAYAC Mireille (Math.El) |
| V/présid?: | SADA Marie-Hélène (Phil.) |
| | UZAN Nelly (4ème) |
| Trésorière: | MAURY Jacqueline (4ème) |
| Trés.adjte: | PEISSE Martine (4ème) |
| Secrétaire: | SOULIER Thérèse (I-ère) |
| | ARRANZ Edwige (I-ère) |
| Membres | MARTINEZ Colette (4ème) |
| | MILLOZ Brigitte (4ème) |
| | MIROUZE Brigitte (4ème) |

Pour tous renseignements concernant les "Clubs d'Espéranto", écrire, en joignant une enveloppe timbrée pour la réponse à Mr R.LLECH - WALTER 5, quai Vauban à Perpignan (P.O.)

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

S-ro Henryk NOWACKI - ul.O.skargi 32, PABIANICE (Pollando) deziras korespondi kun poŝtmarkkolektantoj.

SOUS LE PATRONAGE DU MINISTRE DE L'EDUCATION NATIONALE

du 16 au 20 Avril 1962, à GRESILLON

SEMAINE CULTURELLE ESPERANTISTE

Organisée par l'Union Française pour l'Espéranto, sous le patronage du Ministère de l'Education Nationale la SEMAINE CULTURELLE ESPERANTISTE a obtenu un très grand succès.

24 Normaliennes et normaliens, des régions d'Aix-en-Provence Arras, Avignon, Bourges, Caen, Marseille, Nevers et Perpignan, ont bénéficié d'une bourse de voyage et de séjour pour participer à la Semaine culturelle.

Arrivé dès samedi 14 avril au soir au Château de Grésillon, le responsable de la semaine, notre Président Mr René LLECH - WALTER, réunissait le dimanche matin tous les stagiaires pour une séance de travail.

Des séances de conversation furent organisées et dès les premiers jours, grâce à la présence d' espérantistes étrangers, de fructueux contacts ont pu être pris.

Les Conférences, en espéranto, ont été suivies non seulement par les étudiants bénéficiant d'une bourse, mais aussi par les 80 stagiaires inscrits.

C'est ainsi que, tour à tour s'exprimèrent Mr R. WATIER (Le Château de Grésillon, Maison Culturelle des Espérantistes français), Mr GOUGET (Camping et Tourisme, à l'étranger, grâce à l'Espéranto), Mr R. LLECH WALTER (Aspects touristiques du Roussilon, avec diapositives), Mr BABIN (Education et Tolérance), Mr J.A. ROUSSEAU (l'Espéranto et la Poste, avec exposition de documents philatéliques et postaux), Mme B. CHEVERRY (Histoire de l'Anjou, avec diapositives), Mr LLECH-WALTER, (l'Exposition LENTAIGNE - CAPUS - et Aspects Touristiques de l' Andorre), Mr CILIGA(Impressions d'Espagne,1961) Mr FRANGEUL (Economie de l'Anjou), Mr MABESOONE, docteur ès-sciences d'Amsterdam (La lutte des Hollandais contre la mer - avec diapositives), Mr RAJSKI (de Varsovie) (Pologne d' hier et d'aujourd'hui)(avec film),Mr PETIT (Croisière en Mer Noire -film en couleur), Dr ALBAULT (d'Hippocrate à la médecine moderne) Mr J.THIERRY (Peut-on traduire la chanson?) Mr ROUGETET, (Le Niveau de vie familial) Mr J.GUILLAUME (L'Autralie, avec film).

La Semaine Culturelle se terminait le samedi 21 avril par un examen auquel prenait part les Normaliennes et Normaliens bénéficiant de la bourse Herzog.

A la suite de cet examen, le Jury, composé de douze examinateurs, parmi lesquels trois étrangers (Mr RAJSKI (Pologne) Mr MABESOONE (Pays-Bas) Mle OVINGTON (Grande- Bretagne), désigna les cinq candidats qui pourront assister à la Démonstration Internationale de ROME du 15 au 21 juillet 1962.

Un compte-rendu complet de la Semaine Culturelle paraîtra ultérieurement conjointement dans "KULTURAJ KAJEROJ" et dans la REVUE FRANCAISE D'ESPERANTO.

oo OO oo

U. E. F.

CONSEIL D' ADMINISTRATION

Par suite de l'adoption des nouveaux statuts, le Congrès a complété à 24 le nombre des membres du Conseil

Ceux-ci réunis, ont désigné le Bureau:

Présidents d'Honneur

Messieurs MARLY et PHILIPPE

Membres d'Honneur

MMrs BELHOSTE - BOULET - BOURDELON - CHAVET - HUMEZ - WARINGHIEN.

Président:

M. LLECH WALTER ............Perpignan

Vice Présidents:

M. ALBAULT.............. Toulouse

M. PETIT................... Rosny

M. BLANC .................. Sancoins

M. ROUGETET ...............St -Germain

Secrétaire général

M. GUILLAUME ............Le Vésinet

Secrétaire général adjoint

M. MANCEAU...............Creutzwald

Trésorier général:

M. ROUSSEAU......................Paris

Trésorier général adjoint

M. MAHE .........................Paris

MEMBRES:

M. ASQUERI...................Romans

M. BERLOT .................... Rouen

M. CHAGNOUX ..................Yzeure

M. CHAPELLIER ................ Nancy

M. CILIGA ..................... Paris

Mme COULON .................... Paris

M. CUGNY ...................... Dijon

M. GARRIGUE F. ...............Marseille

Mle GARRIGUE Ch. ............Marseille

M. GILOTEAUX ................Wattrelos

M. GOUGET ................... Chartres

M. MICARD ...............Epineux le S.

M. MOTTO .....................Avignon

M. ODENT ....................... Arras

M. THIERRY ....................Paris

Commissaires aux comptes:

M. DABEZIES....................Paris

M. ROYER P. ...................Massy

x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x-x

ESPERANTO EN KOMERCO

Libro 105-paĝa - broŝurita - antaŭparolo de Direktoro WENSING (Philips)
Eld: Esperanto-rondo Crailsheim (Ger)
Prezo: NF 2.50 afrankite.

B.VOGELMANN, kolektis raportojn de komercaj entreprenoj, kiuj en iliaj eksterlandaj rilaroj uzas Esperanton. Inter tiuj entreprenoj troviĝas FIAT, GEVAERT, YTONG, k.t.p...

# TRA FRANCUJO

## LOURDES

Mezepokaj artistoj kaj kronikistoj lasis al ni vivantan bildon pri la siatempa pilgrimanto, kun liaj bastono, almozsako, vestoj ornamitaj per la konko kaj la duobla kruco, survoje al la tri ĉefaj sanktejoj de la Kristanaro: Jerusalemo - Romo, Sankta - Jakobo de Kompostelo.

Dum nia epoko revigliĝis tiuj pilgrimoj de ardaj kredantoj, kun ĝis nun nekonata amplekso. Se Romo restas ĉiam unu el la plej respektigitaj celoj, Lourdes estas sendube la plej frekventata kaj plej populara pilgrimo de la kristana okcidento.

Tamen, antaù unu jarcento, Lourdes estis nur tre kvieta kaj malgranda urbo, konstruita ĉe la piedo de kruta roko, surhavanta kastelegon jam konata en la regiono dum la mezepoko. Sed nur port kelkaj monatoj, la pirenea urbeto fariĝis famekonata tra la tuta mondo.

De la 11-a de februaro ĝis la 16a de Julio 1858, dek-ok aperoj de la Virgulino sin intersekvis. Estas iu simpla khabino, enskribita de la Katolika Eklezio en la Katalogon de la Sanktuloj jam en 1933, kiu ricevas kaj transdiras al la kredantoj, la admonoj de la Virgulino: "Mi ŝatas, ke ĉi - tien venu multnombraj amasoj. Iru kaj diru al la pastroj, ke ĉi - tie estu konstruota kapelo. Mi volas ke oni venu ĉi-tien procesie...."

Samtempe, okazas mirakloj,kaùzantaj grandegan movadon de entuziasmo, kaj religia fido. Depost jaroj, la amaso venas preĝi apud la Groto: diversnacia amaso veninta el ĉiuj horizontoj de la Kristanaro. Ĝi amasiĝas ĉirkaù la groto kaj la roko de Masabieille, loko de la unuaj aperoj Ĝi plenigas la vastan ĉirkaùon de la esplanado, kies herb- kaj flor-bedoj sin etendas laù la maldekstra flanko de la montotorento de Paùo, kaj ĉe kies fono staras la baziliko konstruita en 1876 kaj kompletigita en 1908 per du flankaj turetoj.

Tio cetere ne estas la sola religia profito de la urbo; la Kripto, skulptita en la roko mem, la Rozaria Preĝejo, apartigita de la Baziliko per teraso kaj kiu aperas kiel amplekan portikon, la Paroĥa Preĝejo....

Procesioj el vilaĝoj, kiuj ĉiu jare alvenas en Lourdes el la proksimaj valoj, regionaj aù diocezaj pilgrimoj, naciaj pilgrimoj interkiuj la plej impona okazas ĉiujare de la 18a ĝis la 25-a de aùgusto, ĉiuj tiuj solenoj okazigas imponajn kolektiĝojn de kredantoj - pli ol unu miliono pojare - en la cento de pitoreska kaj viva regiono, senĉese, pli frekventata eĉ de la nuraj turistoj.

Traduko de J. A. ROUSSEAU
laù PPT/Informilo n°12/1954

xxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxoxxox

## NOVA ESPERANTO STRATO

La 29-an de Januaro la urba konsilantaro unuanime decidis, ke strato en nova kvartalo de OBERKIRCH havu la nomon de "Esperantostrasse". La solena inaùguro okazos dum la 40-a Germana Esperanto - Kongreso, je Pentekosto 1962 en tiu urbo.

La esperantistoj estas petataj sen di gratulkartojn al S-ro Urbestro Erwin BRAUN, Rathaus, Oberkirch (Baden) (kompreneble uzante la lingvon esperanto).

ooOoo

## LA KONSILIO DE EUROPO KREIS ORGANISMON POR KULTURA KOOPERADO: EURESCO .

La Komitato de la Ministroj de la Konsilio de Eùropo, kuniĝis la 16-an de Decembro 1961 en la Kastelo Muette en Parizo.

La ministroj ekzamenis kaj adoptis la projekton pri kreado de Eùropa Konsilio por Kultura Kooperado (Euresco)

La tasko de la nova organismo estos triobla: difini la kulturan politikon de la Konsilio de Eùropo;kunordigi kaj realigi la tuton de la kultura programo de la Konsilio de Eùropo, dispartigi la subtenkreditojn de la Kultura Fonduso.

o
ooo
o

Ni aplaùdu la naskiĝon de EURESCO, kiu kvazaù parte respegulaĵo de UNESCO, estas grava paŝo antaùen sur la vojo al kultura integriĝo de la eùropaj nacioj, eble eĉ preludo al efektiva kultura integriĝo tutmonda de ĉiuj nacioj nuntempaj.

La Kultura Eùropa Konsilio ne povos senatente preterpasi antaù la problemoj rezultantaj el la diverseco de la eùropaj lingvoj. Ni do esprimas la esperon, ke la universala kontentiga solvo de tiu problemo kiun okulfrape prezentas la uzo de la vivanta internacia lingvo ESPERANTO, retenos la atenton de la nova organismo por esti objektive esplorata kaj eksperimente instruata en diversaj lernejoj de la 17 koncernaj landoj.

A. LIENHARDT

xooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxooxoox

<u>La ASOCIOJ kaj GRUPOJ</u> estas petataj sendi koncizajn raportojn pri ĉiuj gravaj aranĝoj kaj sukcesoj kiel eble plej rapide al la redaktoro. Limdato: 6a de la antaùa monato.

## ROTARY - CLUB et ESPERANTO

Nous avons reçu de notre ami André BACHELIER, l'information suivante:

"Pour donner suite à une demande "qui m'avait été transmise par notre "samideano" M.GENERMONT, de Moulins, "j'ai informé le Président du Rotary-"Club d'Aulnay-sous-Bois - Le Bourget "que je ferai connaître avec plaisir "à ses adhérents ce qu'est l'Espéran-"to et les services qu'il peut rendre

"Une réponse favorable m'ayant été "adressée, je me trouvai le soir du "22 mars dernier devant les membres "du Rotary - Club assemblés à l'aéro-"port du Bourget".

"Des tableaux composés par notre "regretté ami M. THOMAS, et donnantde "vivants exemples de la structure de "la langue, ainsi que des tracts édi-"tés par U.F.E. et différentes revues "(Praktiko, Esperanto, Franca Espe-"tisto, El Popola Ĉinio, Nuntempa - "Bulgario) circulèrent entre toutes "les mains et suscitèrent un vif in-"térêt".

"Une causerie improvisée résuma l' "Histoire de l'Espéranto et ses prin-"cipales réalisations. Les questions "qui me furent posées ensuite démon-"trèrent que le sujet avait été pris "très au sérieux".

"Je crois devoir relever particulièrement une réflexion du Président: "-Autrefois, lorsque j'entendais par-"ler de l'Espéranto, je souriais avec "un peu d'ironie. Maintenant je com-"prends mieux la chose; j' estime que "l'idée de cette langue est parfaite-"ment digne d'intérêt, et tout-à-fait "dans la ligne des buts du RotaryClub

" "Je demandai en conclusion l'adop-"tion d'un voeu en faveur de l'intro-"duction de l'Espéranto dans les éco-"les. Le Président y consentit et le "voeu fut adopté à l'unanimité".

# SERVICE DE LIBRAIRIE

**ETUDE ET ENSEIGNEMENT**

L'ESPERANTO CET INCONNU...... 1,25
MANUEL D'INITIATION.......... 1,50
DIALEKTO, DIALEKTIKO......... 3,50
ESPERANTO MANUEL (Chavet).... 5,00

**DICTIONNAIRES**

Légers-Albault (F + E)....... 20,50
Waringhien (E + F)........... 30,oo
PLENA VORTARO DE ESPERANTO... 15,00

**HISTOIRE DU MOUVEMENT**

LETEROJ DE ZAMENHOF (2 vol.). 20,00
VIVO DE ZAMENHOF (E.Privat).. 4,50
ORIGINALA VERKARO (Zamenhof). 18,00

**LITTERATURE**

ANGLA ANTOLOGIO.............. 14,00
TOPAZE (Pagnol/Bernard)...... 10,00
REĜO EDIPO - ANTIGONA ....... 10,00
LINGVO kaj VIVO.............. 20,00
FABIOLA (bindita)............ 12,00
LA ĜOJA PODIO (Schwartz)..... 4,50
LA HUNDO KRUSO............... 2,50
INFANOJ EN TORENTO (2 vol.).. 5,60
INVITO AL ĈIELO.............. 4,50
KARLO (E.Privat)............. 1,20
MALSATA STONO (Tagore) (bind) 15,00

LA VERDA RAKETO (J.Forge)...... 11,25
VITRALO (John Francis)......... 6,00
LA REVIZORO (Gogol)............ 4,50
DANA ANTOLOGIO (bindita)....... 16,50
NORMANDAJ RAKONTOJ (Maupassant) 17,00
KONTRALTE (M.Boulton).......... 10,00

**RELIGION ET PHILOSOPHIE**

SANKTA BIBLIO (bindita)....... 10,00
NOVA TESTAMENTO............... 3,00

**VOYAGES & GEOGRAPHIE**

AUSTRALIO - lando kaj popolo... 3,50
KANAKO EL KANANAM.............. 11,00
TEMPESTO SUPER AKONKAGVO....... 11,00
NEPALO MALFERMAS LA PORDON..... 15,00
SEKRETOJ DE LA MARESTAĴOJ...... 7,50
VIVO DE LA PLANTOJ............. 11,50
EKSPEDICIO KON - TIKI.......... 18,50
PARIZA GVIDLIBRO............... 2,50

**Frais d'expédition et de poste.**
20% jusqu'à 10 NF - 15% jusqu'à 20 NF et 10% au - dessus. Les commandes sont à adresser, avec les fonds à U.E.F. 34 rue de Chabrol - PARIS- C.C.P. PARIS 855-35.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Le Gérant: Jean GUILLAUME

L'imprimeur: Ets Ch. MORIN
188 rue du faubourg St-Denis PARIS 10

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx